# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 383 (majo-junio 2008)

**Ĉefredaktanto:**
Jorge Pavón ( ĉi-foje nur kompostado kaj fina korekto; elektis tekstojn Lupe Sanz)

**Kunlaboris:**
Augusto Casquero, Carmen Colmenares, Arturo Jiménez, Lorenzo Noguero, Alejandro Pareja, Lupe Sanz,

🖂
bulteno(ĉe)esperanto.es
Calle Juliana nº4
El Escorial (Madrid) 28280



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid
admin*(ĉe)*esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961



Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

## Prezento



Vi nun tenas specialan antaŭkongresan numeron de Boletín, ideo de nia vic-prezidentino Lupe Sanz kaj pretigita la unuan de junio, kiam ankoraŭ la antaŭa ne trafis la membrojn. La elektadon de la tekstoj faris Lupe Sanz, kaj pri kompostado kaj finaj detaloj okupiĝis Jorge Pavón. Legu la kialon en la 2a paĝo.

Kiel estas supozebla, ĉi tie ni inkludas plian informojn pri la venonta Hispana Kongreso. Vi povas trovi informon pri la urbo Kuenko kaj ties vidindaĵoj. Ni inkludis ankaŭ mallongajn biografiojn de kelkaj partoprenantoj en la programo. En la antaŭa numero troveblas la informoj pri aliĝo kaj gastado kaj ni kredis nenecesa ripeti ilin ĉi tie.

Alian parton de la bulteno okupas prihistoria artikolo, kiun escepte ni metas en la hispana, fare de prof-ino de la Universitato *Complutense* de Madrid, rilate al la instruado de esperanto en la unua triono de la pasinta jarcento.

Ni pritraktas kelkajn aliajn temojn: kiel organizi ekspozicion, Lingvan Festivalon en Ĉinio kaj la revuon Beletra Almanako, interalie.

Profitdonan legadon!

# Enhavo



Kovrila foto: Pendantaj domoj en Kuenko (Cuenca)

## Kial ĉi tiu numero?

La «demisiinta» Estraro de HEF ĉiam pensis ke Boletín, estas por multaj siaj membroj la nura ligilo kun la Asocio. Dum la lastaj jaroj kaj pro diversaj kialoj, la redaktoroj ne aperigis Boletín akurate, oni malpliigis la numerojn, de ses por jaro al kvin, kaj la anoncoj kelkfoje aperis post la evento (ekz. la alvoko por Ĝenerala Kunsido de HEF kiu okazis en februaro).

Jorge Pavón, kiu kvamkam demisiis, redaktos unu numeron post la Kongreso (nº 384), li petis multfoje artikolojn por la numeroj sed li ne trovis multan helpon. Li faris la antaŭan numeron (382) sed ankoraŭ ne estis dissendita al la hef-anaro. Pro tio kaj ĉar, post la kongreso ni havos novan redaktoron, kiu devas esti elektita en la Ĝenerala Kunsido de Cuenca, mi, unuope, decidis fari «ekstran numeron» por kompletigi la kolekton de 2008.

Mi petis helpon al kelkaj aktivuloj kaj reprezentantoj de E-grupoj kaj mi proponis al la organizantoj de la Hispana Kongreso ke, se ni faras la 383an numeron ĵus antaŭ la kongreso, ili povas uzi ĝin kiel «kongres-libro» por la hef-membroj kiuj ne partoprenas la kongreson... kaj eventuale por tiuj kiuj ĉeestas.

En tiu ĉi numero aperas abundaj informoj pri la kongreso kaj, kiel novaĵo, kelkaj paĝoj en la hispana. La apero de paĝoj hispanlingve estis

multfoje diskutita en diversaj estrar-kunvenoj kaj la opinioj estas diversaj kaj kontraŭaj: nun oni decidis, escepte, inkludi hispane gravan kontribuon, pri la instruado de esperanto en Hispanio je la komenco de la 20 a jarcento, kiun, Carmen Colmenares, profesorino de la Universidad Complutense de Madrid, prezentis en 2001 al 11 a Nacia Kolokvo pri Historio de la Instruado. Ni dankas al ŝi por permesi reprodukti la artikolon en nia revuo.

Lupe Sanz
*Vic-Prezidantino de HEF*

## Parolas la prezidanto

Karaj HEF-anoj,

Jam baldaŭ okazos en Kuenko la Hispana Kongreso de Esperanto. Al tio ni pretiĝas, tion ni senpacience atendas. Ni esperas ĉi-jare amasan partoprenon. Ne eblas ne profiti la okazon koni tiun belan, historian urbon, kiu troviĝas en la listo de Mondaj Heredaĵoj de UNESCO. Kaj uzi la eblecon renkontiĝi kun la samideanaro, konatiĝi kun la nekonataj, praktiki nian lingvon, lerni dum la prelegoj kaj aranĝoj de la Kongreso.

Nuntempe HEF troviĝas en tre interesa situacio. La intereso pri Esperanto kreskas en Hispanio kaj en la mondo. Alvenas novaj homoj, plej multe da ili junaj, kun granda deziro labori por nia lingvo, disvastigi ĝin. HEF devas alfronti la defion pli bone, pli taŭge, pli lerte plenumi la dezirojn de siaj membroj. Por tio oni bezonas ĉies helpon. Baldaŭ en Kvenko okazos renovigo de la HEF-Estraro. Novaj homoj, kune kun la jam delonge laborantaj, prenos sur sin la respondecon pli efike ankoraŭ servi la membraron.

La Estraro lanĉas alvokon al ĉiuj kiuj volas pli efike kunlabori, kandidatiĝi por la nova estraro kiu rezultos de la elekto dum la kongreso. Ĉiuj estas bonvenaj.

Nuntempe mi troviĝas en Ĉinio, kaj de ĉinoj mi klopodas lerni: kiamaniere ili agas, organizas, laboras. Multaj el ili montris al mi sian deziron partopreni nian kongreson. Bedaŭrinde la afero por ili ne estas facila, pro vizaj postuloj, ege striktaj. Mi esperas ke kelkaj el ili sukcesos, kaj pliriĉigos la intereso de nia kongreso.

Do, mi atendas vin en Kuenko. Kiuj ne aliĝis ankoraŭ, aliĝu. Tio helpos vin kaj ĉefe helpos la organizantojn.

Plej amike:
Augusto Casquero
Prezidanto de HEF

# Estrarkunveno de HEF **2008-05-12**

Ĉeestis la estraranoj: Lupe Sanz, Jorge Pavón, ( pro teknika problemo ne eblis kontakti kun Augusto Casquero) kaj la ne estraranoj: Raul Martínez, Miguel Hernández, Pedro Hernández, Angelita Sanz, Manolo Parra, J.M. García Iturrioz (skype), Toño del Barrio (skype)

**1.Kontoj**

➢La kontoj de HEF de la lastaj jaroj kaj de la nuna jaro jam estas en la komputilo de la librotenisto (Raul Martínez) kaj en la komputilo de HEF kiel sekureca kopio.

➢ La dokumentoj kiujn petas la «Ministerio del Interior» kiel asocio de publika utilo estis prezentitaj je la komenco de aprilo; tiu-ĉi jaro unuafoje laŭ la oficiala formato. Ni atendas la aprobon de la Ministerio.

**2.Hispana Kongreso 2008**

➢La afiŝo de la Kongreso de Bilbao ne utilas por Cuenca; oni redonos ĝin al Grupo de Bilbao. La LKK aĉetos novan afiŝon kun la teksto «Hispana Kongreso de Esperanto» por esti uzota en venontaj kongresoj (Buĝeto de Madrida presejo: 150 eŭroj).

➢ Aliĝintoj ĝis 2008-05-07: 60 Provizora programo estas en hef-paĝaro kaj aperos en Boletín.La kongreso aĉetis al HEF kaj MEL donacojn por la partoprenantoj: T-ĉemizoj, libroj kaj ĉapeloj.

➢Oni malfermos bank-konton, je la nomo de HEF, ĉe agentejo de Caja Castilla La Manĉa en Cuenca por ricevi eblan subvencion de CCM. La konto estos je la nomo de Manolo, Alejandro kaj Lupe.

**3.Sekretario**

➢Dum marto oni sendis al banko la kvitancojn de 2008. Entute 152. El tiuj, dek estis rifuzitaj, kaj el ĉi tiuj tri estis sukcese resenditaj. Entute per banko 145 kotizoj. Jam estas pagitaj la kotizoj de HEF al EEŬ kaj UEA.

➢Kvankam estis pagita kaj reklamita du fojojn, oni ne ricevis la revuon "Kontakto" por la junaj membroj. Oni ne pagos 2008 se UEA ne sendas la mankantajn numerojn.

➢Adúriz portis al Madrido du skatolojn de la stoko de «Tirano Banderas», propaĵo de HEF. Oni vendis 30 al Andaluzia Esperanto Unuiĝo kaj ankaŭ vendos ekzemplerojn al la Kongreso por donaci al gekongresanoj (prezo por pli ol 30 ekz. po 3 eŭroj). En Muriedas ankoraŭ restas stoko de «Sanga Nupto» kiun HEF eldonis kune kun AEŬ.

**4.Boletín**

- Jorge informas ke la numero 382 estos preta por la presejo post 2/3 tagoj. Lupe informas ke kvankam ŝi petis al la redaktoro ke li sendu al ŝi la «oficialajn tekstojn» por revizio, li ne sendis.

- La redaktoro Jorge Pavón demisiis pere de noto en la forumo «hef-paĝaro» . Li redaktos Boletín ĝis maksimume la numero post la kongreso (Nro-384). Jorge akceptis komposti en 2/3 tagoj de la lasta semajno de majo la materialon kiun Lupe preparas por la numero 383, kiu povas aperi antaŭ la kongreso.

- 383-provizora enhavo: Kial tiu numero?, Beletra Almanako, resumo de la estrar-kunsido 2008-05-12, Artikolo en la hispana prezentita de Universitata Profesorino al Universitata Kongreso «La enseñanza del esperanto a principios del siglo XX» , Ni estas publikutila asocio, sed… kion signifas tio?; Fundación Esperanto, Nova servo de HEF, Kiel aranĝi ekspozicion pri E-libroj?, HEJS agadas. Foiro en Guadalajara; Projekto 2008, «kongres-libro» por hef-anoj kiuj ne ĉeestos la kongreson: letero de la prezidanto, informo pri Cuenca kaj pri la programo de la Kongreso, ktp.

**5.Projekto 2008**

NE-Bedaŭrinde la Ministerio NEis la petitan subvencion, sed la Projekto daŭros:

¿? Oni atendas respondon de la Historia Universitata Biblioteko de Madrido por ekspozicii E-librojn.¿? Pri la libro pri «E-historio en Bizkajo», Iturrioz petis subvencion al la Bizkaja Deputitaro. Li havas buĝeton de presejo de Bilbao: iom pli ol 3.700 eŭroj.

JES.- 17 aprilo: prelego en Casa de Guadalajara «El esperanto en el año internacional de las lenguas» Toño del Barrio.

JES.- La traduko hispanen de la verko «La zamenhofa strato» estas farata de Iturrioz, Ĉema Rodríguez kaj Á. Arquillos. La eldono de la libro dependas de la atingo de la subvencio kiun HEF petos en 2009.

JES.- La kupono de ONCE pri Zamenhof aperos la sabaton 17-an de majo 2008 dank'al Pedro Zurita kiu parolis kun respondeculo kaj ili rekonsideris la peton kiu estis neita.. Oni ricevis petojn de 2 eksterlandanoj.

NE.- Oni ne atingis sufiĉe da volontuloj por partopreni pere de budo en la Libro-Foiro de Madrido.

NE: Ekspozicio pri E-libroj: Nek la Nacia Biblikoteko nek la Regiona Biblioteko de Madrido akceptis la proponon de Ana Manero. Caja Madrid ne havas montroŝrankojn do, ne povas ekzposicii sekure.

## 6.Renoviĝo de la estraro

➢Post la demisio de preskaŭ ĉiuj nunaj estraranoj (sendis leteron Pedro Garrote, Carmen Suárez kaj Lupe Sanz; anoncis la demisio en forumo Jorge Pavón, kaj Aŭgusto Casquero antaŭ monatoj petis al la estraro esti antataŭita kiel prezidanto pro personaj kialoj) , dum la Kongreso de Cuenca oni devas elekti novan estraron.

➢ Ĝis nun oni ricevis jenan kandidataron:

Devige laŭ la statuto:

Prezidanto: Arturo Jiménez Carretero. (HEFNº 3270- ekde 2004) CIUDAD REAL

Sekretario: Félix Jiménez Lobo (Nº 3113-ekde 1997) MADRID

Librotenisto:Raul Martínez Anguita (Nº 3211 ekde 2001) CIUDAD REAL

Voĉdonanto- Boletín: Ángel Arquillos (Nº2660 ekde 2002) MÁLAGA

Voĉdonanto- HEJS: Miguel Hernández (Nº 3286 ekde 2006) MADRID

Ne devige laŭ la statuto:

Vic-prezidanto: Pedro Hernández Úbeda (Nº 3239 ekde 2002) MADRID

Voĉdonanto: Juan Trenado Serrano (Nº 3293 ekde 2007) MADRID.

## 7.Demandoj kaj proponoj

➢Z-loterio: HEF aĉetos 32 kuponojn (48 eŭroj), 6 jam venditaj al eksterlandanoj kaj 20 por arĥivi kaj esti vendotaj.

➢A-komitatano: Jesús Miguel García Iturrioz daŭrigos en la posteno ĝis la fino de lia periodo. Li partoprenos en la kongreso de Roterdamo. Li komentas ke la Estraro de HEF neniam donis al li intrukciojn pri kion fari en la kunsidoj de la komitato de UEA..

## 8.Venonta kunveno

➢Por prepari la Ĝeneralan Kunsidon de Cuenca: La 9 -a de junio en la sidejo de HEF je la 18,00 horo.

Lupe Sanz-Bueno
Vic-Prezidantino de HEF

Perantoj de UEA

**Kataluna Esperanto-Asocio**
Associacio Catalana d'Esperanto.
La Caixa 2100 0461 90 0200055053
llibert puig: l.puig(ĉe)esperanto.cat
adreso :apartat 1008, 08200 sabadell

**Pedro A. Garrote**
hisperantouea(ĉe)terra.es
banesto. 0030 6002 74 0000901271
adreso: apartado 119. 47080 valladolid

# Nova servo de la biblioteko de HEF

Nun, estas plezuro prezenti al vi novan servon de la Biblioteko. En Legangulo vi povas opinii pri libroj. Ĉu vi aparte ŝatis iun verkon? Ĉu vi pensas, ke certa libro tute ne meritas sian famon? Ĉu vi konsideras iun verkon nepre leginda kaj vi volas argumenti kial? Nu, jen la taŭga loko por viaj komentoj. Vizitu nin en http://www.esperanto.es/biblioteko

*Nº 1: Majo 2008*

La página web de HEF inaugura un nuevo servicio: los boletines electrónicos. Se trata de una nueva función desasistida, que enviará regularmente a sus subscriptores información sobre las novedades de nuestra página: noticias, eventos y servicios nuevos. Su objetivo es llamar la atención de sus visitantes y lograr una mayor interactividad y participación.

Estos boletines se recibirán en español o en esperanto dependiendo de la naturaleza de cada reclamo. El servcio está aún en fase experimental. Te hemos incluido en la lista de distribución sin tu conocimiento. Abajo dispones de un enlace que te permitirá date de baja de la lista si no quieres recibirlos mas. Puedes volver a subcribirte en cualquier momento mediante un formulario en la portada de esperanto.es. Este servicio se dirige principalmente al público interesado que aún no habla nuestra lengua, y te lo enviamos porque nos interesan tus opiniones y sugerencias.

*Nº 2: Majo 2008*

La Biblioteko Juan Régulo Pérez de Hispana Esperanto-Federacio havas sian originon en la komenco de la sepdekaj jaroj, kiam la tiama sekretariino de la asocio, Inés Gastón, apartigis po unu ekzemplero el la porrecenzaj libroj alvenintaj al la redacio de Boletín. Samtempe ]i provis ampleksigi la stokon per aĉeetoj kaj donacoj.

Tiam, du el niaj veteranoj el Sevilo, Rafael Fiol kaj Carlos Martínez, havigis al la naskiĝanta biblioteko pli ol tri cent volumojn el siaj privataj kolektoj, el kiuj multaj eldonitaj inter 1904 kaj 1912, sekve jam malfacile troveblaj en la libromerkato. Oni celis tiel stimuli la konservadon de esperantaj libroj kaj revuoj kun la espero, ke iam ili konsistigu tamgan bibliotekon.

La dua parto de la historio komenciĝis ĉirkaŭ du dek jarojn poste, koincide kun la renovigo de la HEF-ejo. La tiamaj kunlaborantoj, trovis la librojn kaj revuojn stokitaj en la oficejaj ŝrankoj, kaj komencis reorganizi per ili la bibliotekon kun duobla celo: ke ĝi

estu vere profitebla de la membroj kaj prezervi nian kulturan heredaĵon.

Malfacila tasko ĉar tiam neniu el la kunlaborantoj havis teknikan scion prie kaj tuj estiĝis ĉiaspecaj duboj: kiel ordigi la librojn kiam ankoraŭ ne pretis bretaro kaj loko do ne abundis; kiel dezajni katalogan slipon en elektronika formato por krei elementan datumbazon; kian klasifikon uzi, por ke ĝi estu kohera rilate al nia faka kolekto… Eĉ la manipulado de la plej difektitaj kaj kadukaj ekzempleroj iĝis problemo pro ilia emo dispeciĝi kaj la amaso da akaroj akumuliĝintaj en ties delonge ne malfermitaj paĝoj.

En tiu unua skipo kunlaboris, inter aliaj, José Mª González Aboín. Kaj de tiu epoko estas la decido omaĝi al Juan Régulo Pérez, la plej elstara ĉi-landa eldoninto en esperanto, donante lian nomon al la biblioteko.

Komence ĉio iris malrapide kaj plurfoje ni devis refari la laboron pro manko de rimedoj kaj sufiĉaj konoj, kiuj igus la penojn fruktodonaj. Poiome ni lernis el la eraroj kaj akiris rimedojn. Kaj nun, eĉ se ne perfekte organizitan, ni disponas komputilan datumbazon sufiĉe kompletan.

*Nº 3. Majo, 2008*

Esperanto.es disponigas al vi la utilegan komentaron de A. Valén Lingvaj Angulo, ĉerpita el Boletín.

Ĉi tiu estas ankoram eksperimenta bulteno.

Senkulpigu ajnan mison!

Noto: Ana Manero estas la nuna bibliotekistino.

## HEF bezonas vian DNI-n

Multaj membroj de nia asocio ricevis, inter la datumoj por IRPF de "Agencia Tributaria" (AT), dekalkulon pri ilia HEF-kotizo. Ili estas tiuj, kiuj sendis, antaŭ la fino de 2007, la DNI-numeron al la sekretario de HEF.HEF, kiel oficiala asocio de publika utileco, devas sendi al "Agencia Tributaria" liston de la membroj kiuj pagas kotizon, sed devas inkludi la DNI-numeron. Se vi ne ricevis dekalkulon de AT tio estas kaŭzita ĉar HEF ne havas vian DNI-numeron, tial bonvole sendu ĝin per normala poŝto, per e-poŝto (admin(ĉe)esperanto.es) aŭ telefone (91 446 80 79) antaŭ la fino de la jaro.

Se vi ne deziras dekalkulon aŭ ne pagas IRPF sendu nenion.

# Beletra Almanako

Beletra Almanako (BA) estas nova literatura revuo lanĉita en aŭtuno 2007. Ĝi aperis unuafoje en 2007 kaj laŭplane aperos dufoje en 2008 kaj trifoje jare ekde 2009. Principe ĉiu numero ampleksas inter 120 kaj 160 paĝoj (BA1, 176 p.; BA2, 144 p.).

Redaktas ĝin Jorge Camacho (ĉefredaktisto), Probal Dasgupto kaj Istvàn Ertl (redaktistoj). La eldonanto estas Ulrich Becker de la eldonejo Mondial en Novjorko.




## Filozofio de la revuo

La almanakon oni ne devas aboni anticipe kiel kajeran revuon, sed povas mendi aŭ aĉeti kiel libron. Beletra Almanako aperas en normala mezgranda libroformato, kaj ĝi estas facile mendebla, pagebla kaj aĉetebla, aŭ recenzebla kiel ajna libro.Ĉiel ajn, la eldonejo planas proponi ankaŭ la eblon aboni anticipe plurajn numerojn.

BA enhavas diversajn rubrikojn, nome pri poezio, prozo fikcia aŭ nefikcia, eseoj, recenzoj, intervjuoj, leteroj, debato ktp, originale kaj traduke. Laŭ interkonsento kun UEA, ankaŭ la verkoj premiitaj en la Belartaj Konkursoj aperas en Beletra Almanako. Aperas en BA materialo speciale verkita por ĝi, sed ankam altkvalitaj tekstoj jam pli frue aperintaj en la reto sed ne surpapere.

## Ekesto de la periodaĵo

Laŭ la sinprezento de la revuo (verkita de Camacho) en ĝia unua numero, la kultura panoramo de Esperantujo en 2007 prezentis signojn de stagno: «La revuo Fonto ĉesis aperi. Aliajn revuojn, kiel La Ondo de Esperanto aŭ La Gazeto karakterizas forta ligiĝo al certa regiono, loko aŭ persono; Libera Folio, krom movade ĝeneraltema, restas reta».

Necesis, laŭ la iniciatintoj de BA, nova internacia literatura revuo. Tamen, iliaopinie, la tempo tiam ne maturis por lanĉi paperan revuon monatan aŭ du-monatan. Pro tio ili decidis publikigi la libroforman Beletran Almanakon.

## Lasta aperinta numero

La numero de Marto 2008, post la prezento de Jorge Camacho enhavas originalajn kaj tradukitajn prozajn kaj poeziajn verkojn. Memoroj al Rejna de Jong kaj Claŭde Piron kiuj forpasis la pasintan jaron,2007.

La 144 paĝoj estas kompletitaj kun originala teatro, rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA, eseoj, teatrajo kaj recenzoj de diversaj verkoj inter ili la libreto pri librego Donkiĥto parolas esperanton, de pluraj aŭtoroj, eldonita de Hispana Esperanto Federacio okaze de la 4a centjariĝo de «El Quijote»

www.librejo.com/beletra-almanako

## Trajno Zamenhof

Dank'al la afabla helpo de la Direkcio de la Regiona Trajna Kompanio en Bjalistoko, laŭ la propono de ties Urbestro, kun la financa subteno de la Marŝalo de la Podlaĥia Vojevodio, en la somera horaro ekestos la trajno ZAMENHOF. La 1-an de junio 2008 ĝi komencos la unuan fojon longan vojon de Bjalistoko al Bielsko-BiaBa. Sur la kajo, apud la trajno, je la 06.05h. okazos solena "bapto"; kaj poste la adiaŭo de la trajno kaj de geaktoroj rolantaj kiel Ludoviko kaj Klara Zamenhof, kiuj kuraccele forvojaĝos "al akvoj".

Survoje, ĉe la Centra Stacidomo de Varsovio kaj en Katovice salutos la Familion Zamenhof esperantistoj atendantaj sur kajoj. Surloke, en Bielsko-BiaBa, gesinjoroj Zamenhof renkontiĝos kun la honora komitato, kiu sub la gvido de eŭrodeputitino Margerita Handzlik atendos ilian alvenon. Posttagmeze ĉiuj partoprenos la feston okaze de Internacia Tago de Infano, reklamos Esperanton kaj la naskiĝurbon de Ludoviko Zamenhof. Pri la vestaĵo el la epoko por la Familio Zamenhof zorgos la Dramteatro en Bjalistoko. En la trajno estos disdonitaj flugfolioj pri Esperanto kaj Bjalistoko. Per la trajna mikrofono Ludoviko rakontos al vojaĝantoj pri la ideo kaj la lingvo universala. La evento okazos sub la media protekto de la TV Bialystok kaj la televidkanalo TVN. Ĉiuj, kiuj dezirus kunorganizi la festan vojaĝon de la trajno estos bonvenaj.

Leviĝanta Bjalistoko, jen la slogano, per kiu dum la 4 venontaj jaroj estos promociota la ĉefa urbo de la Podlaĥio. Laŭ la mendo de la urbestro Tadeo Truskolaski, la firmao Grupo Eskadra, kiu okupiĝas pri la promocio de urboj, prilaboris la strategion de la promocio de Bjalistoko. Temas ĉefe pri tio, ke ni deziras montri Bjalistokon kiel la urbo vivanta, dinamika, moderna kaj substrekanta sian ekziston, kulturon kaj tradicion; diris la vicurbestro pri kulturo Tadeo Arlukoviĉ. La strategio bazigas sur la multkultureco de Bjalistoko. Grupo Eskadra ekvidas ege grandajn eblecojn de la promocio pere de Esperanto. Aldona argumento estas la fakto, ke en la jaro 2009, ĝuste en la naskiĝurbo de Ludoviko Zamenhof, estos organizota la 94-a UK.

# Kiel aranĝi ekspozicion pri e-libroj?

La ekzemplo de Madrida Esperanto-Liceo kiu, kun la apogo de Hispana Esperanto-Federacio, aranĝis ekspozicion pri esperantaj libroj, montras ke, kun malmultaj fortoj, la esperantaj grupoj povas organizi esperantajn eventojn kiuj okazigas reklamon en la ĵurnaloj.

Post la ekspozicio de Centro Comercial Gran Vía de Hortaleza, kiu montris ke niaj klopodoj estis fruktodonaj, Ana Manero, nome de HEF, petis lokon al la Nacia Biblioteko, kie ŝi laboras, kaj al aliaj grandaj bibliotekoj, regionaj kaj universitataj, de Madrida regiono. La dosiero kun la taŭgaj dokumentoj jam estas preparita kaj la afero nur bezonas adaptiĝi al la diversaj ekspozici-lokoj. Bedaŭrinde la Nacia Biblioteko respondis ke ĝi nur ekspozicias sian materialon kaj ne de aliaj bibliotekoj.



Montrado de esperanto-muziko

LOKO. Unue vi devas trovi lokon por la evento sed certe en via urbo, provinco aŭ regiono ekzistas taŭga loko por ekspozicii librojn ene de montro-ŝranko (bibliotekoj, salonoj de bankoj kaj ŝparkasoj, kulturaj centroj, privataj fondaĵoj, ktp.). Vidu ke en Madrido oni faris tion en Komerca Centro kaj ke ankaŭ vi povas fari ekspozicion en montrofenestro de librovendejo.

VOLONTULOJ. Organizi ekspozicion pri libroj ne bezonas multajn voluntulojn: en Madrido, ni havis la bonŝancon ke Ana Manero, profesia bibliotekistino, proponis sin por organizi la diversajn montro-ŝrankojn laŭ temo: ŝi agadis, laŭ oni diras nun, kiel «komisariino». Aliaj du personoj kaj unu veturilo estis sufiĉe por porti la skatolojn kun la libroj kaj munti/malmunti ilin. En Madrido ankaŭ oni havis dum la semajfino inform-budon kun diversaj libroj por vendi; por fari tion oni bezonas aliajn po du volontulojn por tago sed la inform-budo ne estas necesa kaj certe oni ne aranĝos se HEF atingas aliajn lokon por munti ekspozicion en Madrido.

PETO. Se via grupo havas sufiĉe da esperantaj libroj kaj voluntuloj, kial ne sendi peton al la plej taŭgaj lokoj? Se vi petas al HEF vi ricevos la pet-dosieron kiun la Federacio uzas por siaj petoj. Je ilia dispono estas ankaŭ modelo de dokumento por prezenti

ekspozician projekton al la koncernaj aŭtoritatoj. Petu ilin rekte de la biblioteka prizorganto: b*iblioteko* (ĉe)*esperanto.es*

LIBROJ. Kvankam en Madrido ni havis bonŝancon kaj ni povis elekti la librojn de la abunda kolekto de la biblioteko «Juan Régulo Pérez» de Hispana Esperanto-Federacio, kaj de la biblioteko de Madrida Esperanto-Liceo, mi opinias ke ĉiuj esperantaj grupoj, aŭ siaj membroj, havas sufiĉe da libroj por organizi ekspozicion. La nombro da ekzempleroj dependas de la loko… sed ankaŭ la loko povas adaptiĝi al la kvanto da libroj. En Madrido oni ofertis ĝis la17a montro-ŝrankojn kaj ni montris pli ol cent specimenojn kiel libroj, KD-oj, filmoj, ktp. Laŭ la materialo disponebla vi povas adapti la montro-ŝrankojn. Pro sekurecaj kialoj HEF ne povas pruntedoni ekzemplerojn de sia biblioteko.





Tradukoj: romanoj, komiksoj, lerniloj, ktp

ARANĜO. Vi mem devas estetike aranĝi la disponeblan materialon: La inform-materialo por meti en la montro-ŝrankon, jam estas farita de Ana Manero kaj vi povas uzi ĝin post adapto al viaj bezonoj. Ĉiuj tekstoj troviĝas, en formato pdf, en la paĝaro de HEF (Biblioteko-eksteraj agadoj).

ALIAJ. Se finfine vi instalos inform-budon vi devas prepari sufiĉe da informiloj. En Madrido la organizanto pagis ĝis 1.000 eŭrojn en kopioj kiuj parte estis disdonitaj en la budo kaj parte restis por niaj asocioj.

En unu el la montro-ŝrankoj ni instalis komputilon kiu senhalte kaj aŭtomate montris diversajn inform-materialojn kiujn ankaŭ HEF povas sendi al vi. Kelkaj el ili ankaŭ estas aŭdeblaj por montri al interesato kiel sonas esperanto. La lerno-metodo Mazi estis unu el ili.

Kiel vi povas vidi ne estas malfacile organizi ekspozicion kaj kun malmultaj personoj kaj materialo vi povas fari ĝin.

Lupe Sanz

# Kuenko, ĉi-jara kongresurbo

La urbo Kuenko, hispane Cuenca, staras 150 km sudoriente el Madrido kaj ĝi estas ĉefurbo de la samnoma provinco. La provinco Kuenko estas la 5a plej granda en Hispanio laŭ surfaco, tamen ghi estas la 7a malplej popolata. Kaj la urbo mem havas nur 50,000 loĝantoj kaj ĝi estas la dua plej malgranda provinca ĉefurbo en Hispanio, post Teruel. Ĝi do estas trankvila urbeto meze de apenaŭ loĝata regiono, kaj ĉirkaŭata ĉefe de montaroj kaj pinarbaroj. La urbo staras je 956 m. super la mar-nivelo. La vetero estas malvarma dum la vintro, ofte neĝas kaj la temperaturoj ofte atingas -5 aŭ eĉ -10 gradojn. Dum la somero la vetero estas seka kaj varma, sed dank' al la altitudo la temperaturo neniam estas tiom alta kiel en aliaj hispanaj urboj, ĝi ofte estas ĉirkaŭ 33 gradoj maksimume.

La urbo estis fondita de la islamanoj ĉirkaŭ la 10a jarcento sur ege strategia situo, sur kruta monto inter la riveroj Júcar kaj Huécar. Ĝi estis konkerita de la kristana reĝo Alfonso la 8a en la jaro 1177. Post tiam, eble la plej interesa epoko de la historio de Kuenko estis inter 1950 kaj 1980 kiam ĝi populariĝis inter artistoj, pentristoj, filmistoj ktp, multaj el kiuj loĝis en Kuenko almenaŭ parton de la jaro. El tiu epoko devenas unu el la plej interesaj vizitindaĵoj de la urbo, la Museo de Arte Abstracto Español (Muzeo de Hispana Abstrakta Arto), fondita de Fernándo Zobel, kiu estis vera instiganto de tiu populariĝo de la urbo.

La urbo dividiĝas en du partoj; la malnova urbo, kiu staras, kiel dirite, sur monto inter du ravinoj, hispane "hoces", laŭ kiuj fluas la riveroj Huécar kaj Júcar, estis nomata Monda Heredaĵo de UNESKO en 1996 kaŭze de la bonega konservo de la antikva urba pejzaĝo kaj la mezepoka fortreso, ĝia riĉa civila kaj religia arĥitekturo de la 12a ĝis la 18a jarcento, kaj la eksterodinara fuzio de la urbo kun ties belega natura medio.

La plej interesaj festivaloj en Kuenko estas la Semana Santa (Pasko-Semajno), la Semana de Música





Religiosa (Semajno de Religia Muziko), kaj la festoj de Sankta Julián (en la monato aŭgusto) kaj de Sankta Mateo (septembro)

La kongresanoj povos profiti por viziti la plej gravajn vidindaĵojn en la urbo:

**Plaza Mayor** (Ĉefa Placo), ĉe la centro de la malnova urbo, limigita de la Katedralo, la monaĥinejo de Petras (18a jarcento) kaj la Urbodomo.

**Catedral** (Katedralo), ekkonstruita ĉirkaŭ la jaro 1200 estas unu el la plej antikvaj gotikaj konstruaĵoj en Hispanio. Tamen la fasado disfalis komence de la 20a jarcento kaj estis rekonstruita.



**Ayuntamiento** (Urbodomo) Interesa 18a jarcenta konstruaĵo ĉe la Plaza Mayor

**Casas Colgadas** (Pendantaj domoj), vera simbolo de Kuenko. La malnova urbo staras sur du krutaj deklivoj kaj ekzistas multaj antikvaj domoj konstruitaj sur la rando mem de la abismo, sed la plej famaj estas tiuj troviĝas nun la Museo de Arte Abstracto Español kaj la Casa de la Sirena. Ili datiĝas de la 15a jarcento proksimume.



**Convento de San Pablo** (Monaĥejo de Sankta Pablo). Tiu vizitinda konstruaĵo

staras sur monteto kontraŭ la Casas Colgadas. Oni povas atingi ĝin piede per la fera ponto "Puente de San Pablo", kiun ne ĉiu vizitanto kuraĝas trairi. La Convento de San Pablo entenas nun la Parador Nacional.

**Iglesia de San Pedro** (Preĝejo de Sankta Pedro), la plej interesa preĝejo krom la Katedralo, el la 18a jarcento.

**Torre de Mangana** (Turo de Mangana), konstruaĵo el la 16a jarcento videbla el la tuta urbo

**Museo de Arte Abstracto Español** (Muzeo de Hispana Abstrakta Arto). La Muzeo estas vizitinda kaŭze de ties situo, en la Casas Colgadas, kaj enhavas interesegan kolekton de la verkaro de hispanaj artistoj de la 20a jarcento.

**Museo de las Ciencias** (Muzeo de Sciencoj) Interesa kaj nova muzeo, fondita antaŭ 10 jaroj.

Ankaŭ vizitindas la Fundación Antonio Pérez (arta muzeo), kaj la Museo Arqueológico kaj la Museo Diocesano.

La ĉirkaŭaĵoj de Kuenko estas tiel interesaj kiel la urbo mem por homoj kiuj ŝatas naturon. Krom la arbaroj, valoj kaj montaroj, oni vidas interesajn geologiajn formaciojn vizititaj de speleologistoj kaj grimpistoj el tuta Eŭropo. Unu el la plej famaj naturaj lokoj estas la "Ciudad Encantada" (Ensorĉigita Urbo), 20 km norde el la urbo.

Alejandro Pareja

# Kelkaj partoprenantoj en la Hispana Kongreso

**Ana Manero**



Naskiĝis en Madrido en 1963 kaj eklernis esperanton en 1989. Ŝi kunordigis la partoprenon de HEF en Expolingua dum pluraj jaroj kaj kunlaboris en la organizado de la Hispanaj Esperanto-Kongresoj de San Sebastián de los Reyes (2000) kaj Alcalá de Henares (2005). Delonge ŝi prizorgas la Bibliotekon Juan Régulo Pérez de Hispana Esperanto-Federacio.

"Kunlabore kun Miguel Ángel

Sancho, mi prezentos la Bibliotekon Juan Régulo Pérez, ĉefe ties ret-servojn, kiel parto de la komuna programero *Novaj tendencoj kaj servoj en la paĝaro de HEF*".

**Miguel Fernandez**



Miguel Fernández naskiĝis en 1950 en Granada, kie li bakalaŭriĝis kaj ricevis kleriĝon pri solfeĝo kaj kanto-arto. En 1968 li iris al Madrido kaj ekstudis en ties Politeknika Universitato. Fernández esperantistiĝis en 1981 kaj baldaŭ komencis instrui la lingvon kaj aperigi literaturaĵojn en diversaj gazetoj el la plej renomaj en Esperantujo. Plurfoje premiita en la Belartaj Konkursoj de UEA kaj en aliaj similspecaj aranĝoj, li iniciatis i.a. la Lirikajn Festojn kadre de la HEF-Kongresoj, surbaze de plurtagaj poeziaj deklamadoj, prelegoj, spektakloj k.t.p. El lia kunlaborado kun la muzikisto Pedro Vilarroig rezultis la unua kantato en esperanto, *La profil' de viaj spuroj*, por orkestro, ĥoro kaj solistoj, kiu premieris en la Muzik-Palaco de Valencia kadre de la 78ª UK. Kunfondinto de la ibera grupo de e-verkistoj nuntempe konata kiel *Ibera skolo*, Miguel Fernández estas la aŭtoro de libroj kiel la poemaroj *La profil' de viaj spuroj* (kuntekste de la kvaropa poemkolekto *Ibere libere*) kaj *El miaj sonoraj soloj*, la eseo *Sur la spuroj de Federico García Lorca*, la tradukoj *Sanga nupto* kaj *La domo de Bernarda Alba* (de Federico García Lorca) kaj *Poeto de l' popolo* (antologio de poemoj de Miguel Hernández) kaj kunaŭtoris la kvaropan novelaron *Ekstremoj*.

Por nia kongreso Miguel Fernández proponas du prelegojn: *Pri Cigana Romancaro*, kadre de la 80ª datreveno de la apero de la renoma poemaro de Federico García Lorca, kaj *Pri poeziaj eklipsoj kaj aliaj fenomenoj ĉe Camacho*, kie li prezentos kaj analizos la lastan poemkolekton de Jorge Camacho, *Eklipsas*.

**Antonio Valén**



" Mi naskiĝis en Soria en 1965. Loĝis ankaŭ en Zaragozo kaj nun en

Vigo. Profesie mi estas lingvisto kaj instruas la hispanan kaj la francan en galega mezlernejo. Mi okupiĝas pri esperanto de 1983, kiam mi hazarde vidis hispanan-esperantan vortareton ĉe geamikoj.

Mi verkis enkondukon por la romano *Tirano Banderas* de Valle-Inclán, en traduko de Fernando de Diego, kaj prezenton al la poemaro *El la sonoraj soloj*, de Miguel Fernández. Mi estas konata ankaŭ pro miaj multaj recenzoj en diversaj e-revuoj. En la hispana mi verkis informilon *El esperanto: lengua y cultura*, kiu detale prezentas esperanton lingvistike, beletre, kulture kaj historie pere de abundaj datenoj kaj komparoj.

Mian plej oftan okupon dum multaj jaroj konsistigis la konstanta reviziado de alies tekstoj en esperanto. En 2006 mi decidis ne plu revizii ion ajn pro laciĝo kaj tempomanko. Foje mi verkis mem poemojn kaj faris beletrajn traduketojn. Sed mia ĉefa laboro estis la reviziado kaj kompletigo de la *Granda vortaro hispana-esperanta* de Fernando de Diego, kiun li finis en 1994. Jam en 1991, li petis mian helpon, kaj de tiam ni kunlaboradis kune kun Miguel Fernández, Liven Dek kaj Jorge Camacho, ĝis la eldono de la verkego en 2003.

Nun mi ŝatus eble esperantigi beletraĵon el unu el miaj aliaj lingvoj. Iam mi promesis al mi mem traduki *Sinjorino en ruĝo sur griza fono* de Miguel Delibes, kaj do devos iam plenumi la taskon...

En la kongreso de Kvenko mi prelegetos pri kelkaj trajtoj de la superba *Kun sopira koro*, esperantigo de la *Rimas* de Bécquer far Fernando de Diego. Mi ŝatus kompari kelkajn el la kurtaj poemoj en ambaŭ lingvoj por malkovri kaj analizi la solvojn de nia granda traduk-majstro."

**Jorge Camacho**



Fotis Kike Calvo

Naskiĝis en Zafra, Hispanujo, 1966. Paroltradukisto kaj poeto. Cxefaj verkoj: eseo "La liturgio de l' foiro", rakontoj en "Sur la linio" kaj "Ekstremoj", prozaĵo "La ĉapo de la sterko-vermo", novelo "La Majstro kaj Martinelli", poemaroj "Celakantoj", "Saturno" kaj "Eklipsas" (ĉi lastan prezentos Miguel Fernández kadre de la kongresa programo). Tradukis "Letero el Palestino" de Santiago Alba. Cxefredaktisto de la nova literatura

revuo “Beletra Almanako”, kiun li prezentos en la kongreso. Li ankaŭ gvidos poezian atelieron aŭ metiejon: interesiĝantoj kunportu siajn aŭ aliulajn poemojn, chu originalajn aŭ tradukitajn, ĉu definitivajn aŭ provajn; la celo ja estas interŝanĝi opiniojn, ideojn kaj spertojn.

### Maria Rafaela Urueña



Maria Rafaela Urueña naskiĝis en Bilbao kaj studis en Valladolid, kie ŝi doktoriĝis pri Juro en la tiea Universitato. Profesorino pri Internacia Juro kaj Internaciaj Rilatoj, ŝi specialiĝis pri Juro de la Eúropa Komunumo, estante fondinta membro de la Instituto pri Eúropaj Studoj, kaj ankaú pri Marjuro kaj pri Juro de la Medio.Pri tiu lasta temo, mi gvidis postdiploman kurson, kaj plurajn aliajn pri tio rilatas la kongresa prelego. La temo estas “La akvo kiel konflikto”. Rilate Esperanton, ŝi esperantiĝis en la sesdekaj jaroj, kaj de 1978 ĝis 1986 estis Prezidanto de HEF. Shi prelegis en la IKU sesioj de la Universalaj Kongresoj, kaj dum la pasinta kongreso de la Eúropa Unio, en Maribor (Slovenio).

### Lorenzo Noguero



Naskiĝis la 14an de julio de 1963. Esperantisto ekde 1984.

Prezidanto de “Frateco”, E-societo en Aragono. Sekretario de “Fundación Esperanto” de HEF.

Altiro al Esperanto: *“mi povus diri, ke Esperanto allogis min ĉar ĝi estas bela, facila kaj aminda... kiel sindona ĉarmulino...”*

Lorenzo Noguero prelegos pri ***100 jariĝo de Frateco.*** En 1908 naskiĝis en Zaragozo la E-societo “Frateco”. Ĝi estis unu el la plej gravaj en la hispana Esperanto-movado. Okaze de ĝia centjariĝo, oni rigardos la historion de Esperanto kaj de “Frateco”.

# LA ENSEÑANZA DEL ESPERANTO EN ESPAÑA EN EL PRIMER TERCIO DEL SIGLO XX

*Carmen Colmenares Orzaes*[1]
Universidad Complutense de Madrid

## 1. INTRODUCCIÓN

> «Nos hemos reunido hoy para demostrar al mundo con hechos irrefutables, lo que el mundo hasta hoy no ha querido creer. Mostraremos al mundo que la comprensión recírpoca entre personas de naciones difrentes está al alcance de la mano, que para ello en absoluto es necesario que un pueblo humille a otro, que los muros entre los pueblos, de ninguna manera son algo necesario y eterno, que la comprensión mutua entre seres de esta misma especie no es un hecho fantástico, sino un hecho totalmente natural, cuya aparición ha sido largamente retrasada por lamentables y vergonzosas circunstancias, pero que debía llegar antes o después y que al fin ha llegado ahora»[2]

Hemos querido representar, como mejor introducción al tema de esta comunicación, las palabras del Dr. Zamenhof, extraídas de su discurso pronunciado en el primer Congreso Universal de Esperanto. Dichas palabras nos revelan las aspiraciones del fundador del esperanto, quien pretendió que, con la utilización de una lengua universal como instrumento de comunicación, se lograrían unos ideales de confraternización humana y de paz universal entre las naciones

Pensamos que para el logro de esos ideales serían necesarias, además, otra serie de acciones políticas y socioeconómicas, que no viene ahora al caso reseñar, pero la idea de la utilización de una lengua universal siempre nos ha seducido y nos ha motivado ahora a investigar la difusión de dicha lengua, el esperanto, y los anhelos de introducirla como materia de enseñanza en los centros educativos oficiales.

---

acreditación de saberes y de competencias. Perspectiva histórica. Oviedo. 2001. Universidad de Oviedo/SEDHE

1.- Profesora del Departamento de Historia y Teoría de la Educación de la Universidad Complutense de Madrid. Esta ponencia fue presentada al XI Coloquio Nacional de Historia de la Educación. La acreditación de saberes y de competencias. Perspectiva histórica. Oviedo. 2001. Universidad de Oviedo/SEDHE

2.- Discurso de Zamenfoh en el primer Congreso Universal de Esperanto. Boulogne-sur-Mer, Francia, del 5 al 13 de agosto de 1905. En, Auld, W. (1993). *El esperanto: fenómeno de la comunicación.* Madrid: Esperanto-Liceo de Madrid, p.108.

